DIMANĈO 19 AŬGUSTO 1906. | Unu Numero : 10 CENTIMOJ | DUA JARO. — № 23

# ★ ESPERANTO ★

·ESPERANTO-JOURNAL· & ·REVUE DE L'ESPERANTO·

Sendu ĉiun korespondajon rilatan al Administrado al :
**Administration de Esperanto-Journal**
**GENÈVE (Svisl.) & BELLEGARDE (Ain, Francl.)**

**ABONOJ**
24 sinsekvaj numeroj. Franc- & Svislando : **3** fr. Aliaj landoj : **3** fr. **75**
Luksa Eldono : 12 numeroj. **1** fr.

L'Administrantaro de l'jurnalo lasas al ĉiu aŭtoro de artikolo la respondecon de lia skribajo.

La jurnalo prenas sur sin nenian respondecon pri la anoncoj.

**OPAJ ABONOJ**
Nepre rezervataj por la Grupoj

| 10 sinsekvaj numeroj | | 24 sinsekvaj numeroj | |
|---|---|---|---|
| 10 Kopioj | fr. **10** | 10 Kopioj | fr. **24** |
| 24 » | » **20** | 24 » | » **48** |

*La venonta n-ro de « Esperanto » eliros Jaŭdo 23 Aŭgusto*

## PARTO OFICIALA

## Por la Kongreso

Se mi bone rememoras la parolojn diritajn en Bulonjo por pravigi la ĉiujarecon de niaj kongresoj, oni precipe insistis pri tiu punkto ke oni devas fari plej multe da bruo tra la mondo por elvoki ĉiam pli efike la interesiĝon de la publiko por nia afero. Senĉese frapadi la cerbojn pri sama ideo, pri sama vorto, estos ankoraŭ longatempe la plej certa maniero porenŝovi tiun ideon, tiun vorton en la negastigemajn cerbojn de niaj kunhomoj. La unua sentenculo kiu diris « Tiu ĉi agas, kiu malkmulte parolas » ne havis ian, eĉ malproksiman ideon pri Esperanta propagando, kiu samtempe konsistas el multparoleco kaj multageco, Sed oni povas multe brui kaj malmute labori ; ni tiel agadu ke ni samfoje faru multe da bruo kaj multe da laboro.

Ni faru multe da bruo, kaj precipe ni faru ĝin prudente. Nia kongreso jam per si mem utilas al la antaŭenigado de nia afero. Kompreneble sur ĉiam novavidan publikon tre influas la spektaklo de kelkaj centoj da homoj el ĉiaj landoj interparolantaj per unu sola lingvo, sen ia ajn malfacilaĵo ; tre influas ankaŭ tiuj ĉi faktoj, kiuj, kiel teatraj prezentadoj, internaciaj kunvenoj pruvas la taŭgecon kaj praktikuzeblecon de nia lingvo por ĝia celo. Tio ĉi vere elvokas bruon kaj montras, pli bone ol longaj teoriaj argumentadoj, la pravecon de niaj penoj. Sed ekzistas nepra kondiĉo. por kreskigi tiun interesiĝon, kiun ni volas eksciti ĉe la neesperantistoj, por ke la spektaklo de nia kongreso estu imponanta, estas absolute necese ke ni estu multaj, plej multaj, plej multaj kiel eble ; estas absolute nicese ke ni neniam malaltiĝu laŭ la vidpunkto de la publiko, kiu juĝas laŭ la videblo kaj neniam laŭ kaŭzoj, ne tuj konstateblaj. Danĝera eraro estus ĉiam rigardadi al la Bulonja kongreso kaj trankvile revadi, relegante la laŭdegajn artikolojn de la gazetaro ; cetere, tiu ĉi lasta estas tiel kapricema ke ĝi morgaŭ mallaŭdos sian hieraŭan laŭditajon, se ni ne liveras al ĝi novan laŭdindajon. La sukceso de afero ia venas ne de unu granda sola sukceso, sed de longa serio da sukcesoj ĉiam sin superantaj unu la alian. Se ni estis milo en Bulonjo, ni evitu almenaŭ esti nur la duono en Genevo, sub la preteksto de la bela sukceso, kiun atingis nia unua elmontrado. La nombro estas forto nemalŝatinda, precipe por tiuj ĉi, kiel ni, kiuj devas havi sur publikon pli mal pli eksciteblan, sed ĉiam influeblan per la ciferoj. Tial, nia devo kiel esperantistoj (kaj tie ĉi ni tute flanklasas la plezuron riceveblan de esperantistara intervidiĝo, kaj nur celas propagandan vidpunkton) estas veni multaj, tre multaj al la kongreso. Sendube, ekzistas grupoj kaj malproksimaj societoj por kiuj la veturo al Genevo estus ia malfacila, eĉ nefarebla ofero. Sed organizeco kaj simpla samideaneco ne estas nur vortoj ; oni sin organizu inter samgrupanoj por delegi iun anon ; oni tiel partoprenos efike al afero propaganda, kiu trafos sian celon nur se ni ĉiuj kunhelpu al ĝia sukceso. Precipe por la bonŝajno de nia kunsido, estas grave ke ni havu plej multe da diversnacianoj ; ĉar pli efikas ofte unu delegito el malnajbara lando ol la dekoblo el najbara urbo. Multeco da kongresanoj, kaj internacieco en tiu multeco, jen estas kondiĉoj por kuraĝe fari bruon kaj paroligi pri nia afero tra la mondo.

Nia kongreso devas esti kvazaŭa bildo de la estonta homaro esperantigita, bildo de ĉiuj estontaj internaciaj kongresoj. Plie ĝi estas por la rigardantaro serioza eksperimento kiun ni senpartie provas antaŭ kaj sub la kontrolo de ĉiuj por konvinki la ankoraŭajn skeptikulojn. Ni faru bruon sed por kelkaj homoj (kaj tiuj kelkaj fine regas la opinion) sukcesa kaj racia eksperimento, pli ol bruo ofte farata, sen ia prava kaŭzo krom trodiremo, enpenetrigas tiun ĉi veran konvinkon kaj fidon, kiujn naskas sincera ekzameno de l'faktoj.

Tiun celatan bruon ne ni mem ĝin elvokas, sed ilo pli potenca ol ni, ilo kiun ni devas saĝe uzi por ke ĝi estu por ni utila servanto. La gazetaro estas tiu potenco, kiu malproksimen disportos kaj dislaŭdos niajn sukcesojn ; ĝi estas tiu sennoma duajo, al kiu sin turnas komunnaj homoj kiam nova vorto aŭ nova ideo ekfrapis ilian cerbon kaj momente fiksis ilian atenton. Ni sciu lerte profiti tiun forton, kiun niaj ĝisnunaj sukcesoj faris por ni favora. Okaze de nia kongreso ni turnu ĉiam scivolon al nia lingvo, ni ĝin antaŭ preparu, se bezone, ni eliru el la speciala fakto de la kongreso por eniri sur la pli vastan kampon de lingvo internacia de ĝia enfluo en la estonta progresado de niaj interhomaj kaj interpopolaj rilatoj. Oni kompreneble devas prudente agadi, eviti tedajn petojn, delikate klopodi, neniam trograndigi kaj riski ridindiĝon. Sed kelkafoje kelkaj linioj en pli malpli grava gazeto sufiĉas por reveki atenton, por esperantistigi novajn samideanojn kaj reesperantistigi la eksajn ; tiaj ekzemploj ne estas maloftaj ; sukceso estas por multaj nekontraŭstarebla allogilo. Granda presara agado devas sekvi nian kongreson, metoda kaj orda agado, kies fruktoj neniam estas malŝatindaj, kaj pli bonan propagandilon ol sukcesan kongreson ni ne facile trovos.

Jen kiel ni povas fari bruon, kaj ni preterlasas multajn aliajn okazojn, kie ankaŭ estas farebla bruo, ĉar senlima estas la kampo de la propagando, kaj senleĝa ĝi devas esti. La Geneva kongreso estu serioza kaj efika elmontrado de niaj fortoj ; ĝi estu vivanta ekzemplo de la praktikaj servoj de nun riceveblaj per la uzado de Esperanto ; ĝi pruvu ke en la mondo bataladas ĉiam pli granda armeo sub la verda flago, armeo kies novajn dezirojn naskas ĉia sukceso ; unuvorte, ni ĉiam venku niajn estintajn sukcesojn per pli gravaj kaj pli brilaj sukcesoj.

* * *

Flanke de tiu bruo ni povas labori kaj utile labori. Mi ne aludas la laboron pri organizacio, kiu ne estas la afero de la kongreso, sed, ekster niaj naciaj organizajoj, ekzistas multaj internaciaj organizajoj naskeblaj dum la kongresaj tagoj. Ju pli disvastiĝas nia entrepreno, des pli ĝi specialiĝas kaj enfakiĝas. Oni ofte disputas pri naciaj societoj aŭ similaj demandoj, sed pli grava por nia afero — pli grava se oni konsideras la estontan rolon de Esperanto en mondaj interrilatoj — estas la kreiĝo de iuj grupoj kaj anaroj kiuj havaŝ ian difinitan specialan temon, por kiuj Esperanto ne estas celo, sed nur perilo por plifaciligi la internaciajn komunikojn. Venos baldaŭ tempo kiam la naciaj, nur propagandaj societoj iom post iom cedos lokon al senfina nombro da grupoj, asocioj, kunfrataroj, kies anoj tutmonde disigitaj sentos la nepran bezenon de helplingvo. Al la eknaskiĝo de tiaj specialcelaj organizajoj tre utilas nia Kongreso. Efektive, flanke de niaj ĝeneralaj kunvenoj, multaj horoj estas dediĉeblaj al tiuj malgrandaj kunvenoj, en kiuj oni kutime multe pli laboras ol en la grandaj, ĉu pro la malmulteco de partoprenantoj, ĉu pro la pliprecizeco de komuna celo. Pliigante la nombron de tiuj internaciaj societoj (kiel katolikaj, socialistaj, komercistaj, profesoraj, ktp. jam ekzistantaj grupoj), ni ankoraŭ pli videble montras la veran utilan signifon de nia lingvo, kaj la neesperantistaron klare konvinkas tiuj nepridisputeblaj faktoj de la jama utileco de Esperanto. Oni ne diru ke nenia serioza laboro estas farebla dum kongresa momento. Kiam oni legas tiom multajn proponojn kaj ideojn kiuj dum la tuta jaro aperas sur niaj gazetoj, ideoj ofte nerealigitaj pro la diseco de la intereseblulоj, oni rajtas diri ke kiam ni havas la maloftan privilegion kune esti, ni devas nepre uzi la okazon por labori. Ni devas de nun fondi la estontan homaron esperantistigitan — kaj kio estos en ĝi ? ĉu propagandaj societoj, ĉu priesperantaj grupoj ? Tre verŝajne, tiu homaro neniel diferencos de nia nuntempa, krom en tio ke ekzistos multaj internaciaj anaroj kaj kuniĝoj, rilatantaj per Esperanto : se tio postulas sendube multajn jarojn, ni tamen devas laŭforte penadi por krei almenaŭ la skeleton de ĉi tiu organismo internacia fondota laŭ la difinitaj komunaj deziroj, celoj kaj bezonoj de ia preciza homa grupiĝo, al kiu servos nia lingvo kiel perilo kaj komuna ligilo.

* * *

De nia kongreso estos rezultebla ankoraŭ alia utilo, tiu konsistas en la fakto mem ke ni parolos nur esperante. La eksperimento de niaj kongresoj ne nur profitas por nia propagando apud la publiko por la propra perfektiĝo kaj vivo de nia lingvo. Tiu universala elmontrado efektive estas por ĉiuj en ĝi partoprenantoj bonega okazo, tute ne flanklasinda por pli perfektiĝi en la konado de la lingvo. Oni jam diris ke, de la Bulonja kongreso, multaj esperantistoj korektis sian elparoladon kaj atentis pri punktoj ĝis nun ne sufiĉe ekzamenitaj. Neniam ni trovos pli bonan, pli taŭgan okazon por plene vivigi nian lingvon, por doni al ĝi tiun ĉarmon, tiun viglecon, tiun karakterizan econ, ktiuj venas de la buŝa uzado de idiomo ajn. Parolante, ne nur ni lernas — kaj ni ĉiam bezonas lerni — sed ni vole nevole preparas la lingvon por ĝiaj estontaj uzadoj, ni konservas ĝian internaciecon, ĝian unuecon, ni senkonscie obeante la superan bezonon de interkompreniĝo, forigas malklarajn, nekorektajn formojn, kaj revenas al tiuj ĉi formoj internacie kompreneblaj kaj uzeblaj. Esperanto, ofte diris ĝiaj kontraŭuloj ne konservos sian unuecon, ĉar ĝi ne havas ian propran patrujon. Sed precize, tiu patrujo estas niaj internaciaj kunvenoj, niaj universalaj kongresoj, kie uziĝas nia lingvo por ĉiuspecaj bezonoj, kie ĝin parolas ĉiuj diversnacianoj, kie la bezono mem kiu ĝin naskis konservas tiun samecon kaj unuecon, purigas ĝin el ĉiuj senutilaj novajoj, enpenetrigas inter la vortoj tiun ĉi vivon kaj esperantan spiriton kiuj devas enesti la lingvon parolatan same kiel ĝi jam enestis la lingvon literaturan. Ni ne forgesu ke ni, unuaj esperantistoj havas gravan influon, grandan respondeblecon en la estonta evoluiĝo de la lingvo internacia. Mie tie ĉi ne aludas la lingvajn demandojn, kiuj dependas de la rajtaj aŭtoritatoj sed nur la komunan uzadon de nia nuna Esperanto. Nova eksperimento komencis por ni : tiu bela buŝa praktiko de nia helplingvo, kaj kie ni povas provi tiun eksperimenton, se ne en niaj kongresoj, kiuj precize figuras nian mondon, tia kia ĝi estos post enkunduko de universala idiomo.

* * *

Tiuj ĉi kelkaj faktoj — kaj novaj estas facile troveblaj — montras ke, ester la festoj kaj nepraj amuzadoj, niaj kongresoj havas en si mem grandan utilon kaj veran efikon ĉu en la propaganda, ĉu en la lingva vidpunkto, ke, se oni povas fari multe da bruo, oni povas fari ankaŭ multe da laboro. Tiu duobla rezulto atingebla devas inklini ĉiujn samideanojn vigle labori al la sukceso de nia dua kongreso — sukceso kiu estos dua kaj decidiga paŝo al niaj estontaj triumfoj.

H. HODLER
Sekretario de la Loka Komitato.

### DUA KONGRESO UNIVERSALA en Ĝenevo.

*(de la 28a de Aŭgusto ĝis la 6a de Septembro, 1906), sub la prezido de Dro Zamenhof.*

#### ŜANĜO EN LA PROGRAMO

La Organiza Komitato, kaj la Loka Komitato decidis, pro la multeco da demandoj enskribataj en la tagordon de la Kongreso, dividi en du partoj la malferman kunsidon de la 28a de Aŭgusto. Tiun tagon, posttagmeze, okazos unua ĝenerala kunsido por la elekto de la estraro kaj la organizo de la laboroj de la Kongreso. La vespera kunsido estos la solena malferma ceremonio, kun la ĉeesto de la aŭtoritatuloj kaj invititoj, kaj la oficialaj paroladoj.

#### LOĜADO

Ĉar kelkaj samideanoj ŝajnas preferi serĉi mem sian loĝejon ol sin turni al nia komisio de loĝado, ni donas al ili sube la informojn, kiujn ni povis havigi al ni pri tio.

#### HOTELOJ EN ĜENEVO

*(Prezoj por restado almenaŭ 8-taga.)*

Hôtel des Alpes, rue de Rive, 7.00-9.50
Hôtel Bellevue, quai du Léman, 10.00
Hôtel Bristol, 10, rue du Mont-Blanc, 7.50-10.00
Hôtel Central, 27, rue des Alpes, 6.00-10.00
Hôtel de l'Europe, rue Céard, 8.00-10.00
Hôtel des Familles, 14, rue de Lausanne, 5.00-7.00
Hôtel de Genève, 13, rue du Mont-Blanc, 8.00-10.00
Hôtel International, 1, rue de Lausanne, 10.00-14.50
Hôtel du Jura, 25, rue de Chantepoulet, 6.00-8.00
Hôtel du Lac, 1, place Longemalle, 8.50-12.00
Hôtel du Léman, 66, rue du Rhône, 7.00-10.00
Hôtel de la Métropole, 34, Grand-Quai, 9.00-16.00
Hôtel Moderne, 1, rue de Croix-d'Or, 7.00-10.00
Hôtel de la Monnaie, 7, rue de Lausanne, 6.00-8.00
Hôtel Monopole, 11, rue Chantepoulet, 8.00-10.00
Hôtel du Mont-Blanc, 64, rue du Rhône, 7.00-10.00
Hôtel des Négociants, boulevard James-Fazy, 9.00-12.00
Hôtel du Nord, 84, rue du Rhône, 6.50-8.50
Hôtel de la Nouvelle Poste, 22, rue du Cendrier, 6.00-8.00
Hôtel de l'Ours, 12, rue de l'Arquebuse, 7.00-10.00
Hôtel du Parc, 12, quai Pierre-Fatio, 8.00-10.00
Hôtel de la Poste, place de Hollande, 7.00-10.00
Hôtel Richemond, rue Adhémar-Fabri, 8.00
Hôtel de la Roseraie (Champel), 7.00
Hôtel de Russie, 2, rue du Mont-Blanc, 8.00
Hôtel Suisse, 10, place Cornavin, 9.00-12.00
Hôtel du Touring, place de Longemalle, 8.00-12.50

Hôtel de l'Union, 11, rue Bautte, 8.00
Hôtel de l'Univers, place Kléberg, 5.00-10.00
Hôtel Victoria, 1, rue Pierre-Fatio, 8.00

### GRAVA AVIZO

En la tabelo kiun ni enpresis en nian lastan numeron ni donis la prezojn de kelkaj el tiuj hoteloj por unu tago. La prezojn supre montratajn oni ricevos restante unu semajnon almenaŭ.

### GASTLOĜEJOJ EN ĜENEVO

*Kostoj : de 5 ĝis 8 fr. ĉiutage.*

#### EN LA URBO

Mme Arlaud, 4, rue Saint-Victor.
Mme De Hiller, 7, quai du Mont-Blanc.
Pension Minerva (anc. Richardet), 6 et 8, rue du Mont-Blanc.
Mlles Verdan, 26, boulev. des Philosophes.
Mlles Fischer, 20, quai des Eaux-Vives.
Pension Labarthe (Mlle Dunant, successeur), 5, Rond-Point de Plainpalais.
M. Frey, 16, boulevard des Philosophes.
Mlles Livet et Grobet, 2, quai des Eaux-Vives.
Mlles Coupier, 3-5, rue des Alpes.
Mlle Mottu, 30, Grand-Quai (entrée : 49 rue du Rhône).
Pension Roger (Mme Saner), 2, rue Plantamour.
Mme Morhardt, 15 bis, avenue du Mail.
Mme Huguenin, 15, rue Lévrier.
Mme Pellarin, 15, rue des Alpes.
Mme Marchant, 26, boul. Georges-Favon.
Pension Picard, 2, place Métropole.
Pension Buscarlet (Mme Gretillat, succr) 9, boulevard des Philosophes.

#### EN LA PROKSIMO

M. Donisthorpe, 25, chemin des Chênes (Pension Albion).
Mme Mathey, 3, route de Florissant.
Mme Salisco, chemin Venel « Villa Les Laurelles » (Champel).
Mme Favre, 125, route de Chênve.
M. Göbler, 6, chemin Prévost-Martin « Villa Les Violettes ».
M. Quillet, 66, route de Frontenex.
M. J. Sergy, 5, chemin Krieg, (Florissant).
Mme Péan, 81, route de Chêne « Villa des Charmilles ».
Mme Girod-Favre, 39, chem. de la Roseraie (sous Champel).
Mmes Bussat et Hagner, 15, chemin de la Roseraie (sous Champel).

## PARTO NEOFICIALA

## ESPERANTO-ĴURNALO

Anonima Akcia Societo

La akciuloj de la Anonima akcia societo *Esperanto-Jurnalo* estas kunvokataj por la **sabato 1-a de septembro**, en la lokalo de « l'Union Libérale », 10, quai de la Poste, je la 3-a p. m.

## DIVERSAĴOJ

### Al la legantoj de la " Revue de l'Esperanto " de Boulogne-sur-Mer.

Kiel konsekvenco de la kunigo de la " Revue de l'Esperanto " kun " Esperanto-Journal " la abonantoj de la " Revue " ricevos de nun " Esperanto "n ĝis la fino de siaj abonoj, tio estas de la 12 ekz., kiun ni ŝuldas al ili.

Preskaŭ ĉiuj abonantoj ricevis la " Revue " de la tempo de Januarfino ; do ili havas rajton al ses numeroj de " Esperanto ". Ni petas ilin ke ili bonvolu ne atendi la lastan tagon por sendi la reabonprezon al " Esperanto ", laŭ la kondiĉoj, kiujn ili trovos kape en tiu ĵurnalo.

Al la Boulogne'anoj, kiuj aĉetis nian revuon ĉe ĉiu eldono, ni konsilas ankaŭ aboni " Esperanto "n por ke ili estos pli certaj ricevi utilatempe sian ĵurnalon kaj havi la plenan kolekton.

Sin turni al S-ro Baire, inĝeniero, 74, rue des Pipots, aŭ al F-no Vasseur, librovendistino, 51, Grand'Rue, Boulogne-sur-Mer.

* * *

### En Svislando.

Nuntempe ĉie, aŭ kvazaŭ ĉie en Svislando, oni konas la nomon Esperanto, kaj ĝian signifon, dank'al la gazetaro, kiu, laŭ ricevitaj komunikaĵoj, publikadis raportojn pri ia esperanta okazintaĵo aŭ aliajn artikolojn pri la nova lingvo. Ĉio ĉi vekis kaj vekas la intereson de la legantaro, kaj certe ankaŭ en Svislando la esperantistoj estas pli-grandnombraj ol ni konas publike. Se en kelkaj regionoj la skeptikuloj estis multaj, senlaca propagado ĉiam pligrandiĝas la esperantan partianaron. Esperanto havas specialan ĉarmon por la lernantoj. Antaŭ kelkaj tagoj, kanada ĵurnalisto vizitis min. Kelkaj tagoj poste, mi renkontis en vojaĝo junan germanan komerciston. Ambaŭ, kvankam sciante aliajn lingvojn, preferis paroli esperante. Ĝis nun oni ne havis ĉie bonan okazon por paroli nian idiomon, sed mi antaŭvidas la tempon, nemalproksiman, kie esperanto estos parolata, en nia lando, kiel interkomunikilo en la fremdulaj rilatoj, kial alia fremda lingvo. La venonta Geneva kongreso sendube tre alproksimiĝos tiun gravan celon. J. F. (Berno)

* * *

### En Nederlando.

Jarkunsido de la Nederlanda Societo Esperantista okazos en urbo Hago (La Haye) je la 26-a de la nuna monato.

J. Van der Ende, Obrechstreet, N-ro 506, Den Haag (Nederlando).

* * *

### Internaciaj Studentaj Rondirantoj.

" Studenta rondeto esperantista en Praha-Smichov " aranĝas esp. rondirantojn internaciajn, kiuj celas kunigi individuajn studentojn eĉ studentajn societojn (esp.) de diversaj landoj per Esperanto ; ĝi jam dissendis kvar rondirantojn kaj akceptas pluajn aliĝojn por novaj elsendotaj post libertempo. Aliĝojn oni sendu al : Bouŝka Hynek, Praha-Smichov, 1907, Bohemlando-Aŭstrio.

Tiuj rondirantoj pritraktas ĉiujn seriozajn, nebeletristikajn temojn, prefere aferojn studentajn.

* * *

### Al Instruistoj Kongresanoj.

Estus tre utile, se povus kunveni kaj reciproke konatiĝi kolegoj instruistoj, kiuj ĉeestos en la dua kongreso. Multego da grava kaj priparolinda materialo certe ne mankas.

Tiel efektiviĝus la 1-a internacia kongreso de instruistoj esperantistoj. Kolegoj, kiuj intencas partopreni en tiu kunveno, volu tuj sendi sian adreson kaj proponojn al Teodor Cejka, Instruisto en Bystrice-Hostyn, Moravlando-Aŭstrio.

* * *

### Somerrestadoj.

S-ro Muffang, profesoro en Angers'a liceo restos en Vittel (Vosges) de la 12-a Aug. ĝis la 4-a Sept. Li deziras renkonti tie samideanojn.

* * *

### Dum la Kongreso. — Specialaj kunvenoj.

Sabaton 1-an de Septembro. — Salle de l'Union Libérale, 10, quai de la Poste. — Kunveno generala de la akciuloj de " Esperanto-Journal ", je la 3-a p.m.

Dimanĉon 2-a de Septembro. — Salle du Cercle Communiste, avenue du Mail. — Kunveno de " Ruĝuloj ", je la 9-a matene Kamaradoj socialistaj, liberecanaj, kc. estas afable invitataj. Skribi al kamarado Brelaz, en Cercle Communiste, Genève.

Dimanĉon matene. — Protestanta Diservo en l'Auditoire de Saint-Pierre. Sin turni al S-ro Pastro Schneeberger, en Laufen (Bern).

## TEATRA VESPERO

### NIMFOJ

Proza-poemo de Turgenjev

Mi staris antaŭ ĉeno da belaj montoj, disĵetitaj duonronde ; juna, verda arbaro kovris ilin de alte ĝis malalte. Travideble bluis super ni la suda ĉielo ; de l'altaĵo la suno ludis per la radioj ; malsupre, duone fermitaj per herbo, babilis rapidemaj rivetoj.

Kaj rememoriĝis al mi anktiva legendo pri tio, ke en la unua jarcento post la Nasko Krista greka ŝipo veturis en la Egea maro.

La horo estis tagmeza... reĝis trankvila vetero, kaj, subite, en l'altaĵo, super la kapo de l'direktilisto, iu klare elparolis : « Kiam veturos vi preter la insulo, vi elvoku laŭtvoĉe : — Mortis la granda Pan ! ».

La direktilisto miris... ektimis. Sed kiam la ŝipo kuris preter la insulo, li obeis, li ekvokis : — « Mortis la granda Pan ! ».

Kaj tuj men, responde al lia voko, laŭ la longo del'bordo (la insulo estis neloĝata) eksonis laŭtaj ploregoj, ĝemoj, distirataj, plendaj ekkrioj : — « Mortis ! Mortis la granda Pan ! ».

Al mi rememoriĝis la legendo... kaj stranga penso vizitis min. « Kio, se ankaŭ mi elkrios la vokon ? ».

Sed pro la ĉirkaŭanta min ĝojado mi ne povis pensi pri la morto — kaj kiom en mi estis da forto, mi ekkriis : — « Reviviĝis, reviviĝis la granda Pan ! ».

Kaj tuj mem, ho mirindaĵo, responde al mia ekkrio, sur la tuta larĝa duorondo de l'verdaj montoj traruliĝis unuanime kuna ridego, leviĝis ĝoja parolado kaj plaŭdado. « Li reviviĝis ! Pan reviviĝis ! » bruadis la junaj voĉoj. Ĉio tie, antaŭe, subite ekridis, pli hele ol la suno en la altaĵo, pli petoleme ol la rivereto, babilantaj sub la herbo. Aŭdiĝis malprokrastema piedfrapado de facilaj paŝoj, tra la verda densejo ekbrilis marmora blankeco de ondantaj tunikoj, viva purpureco de nudaj korpoj... Tie la nimfoj, driadoj, bakĥaninoj kuradis de altaĵoj ebenen.

Ili sammomente aperis je ĉiuj randoj. Bukloj volviĝas sub la diaj kapoj, graciaj, manoj levas kronojn kaj cimbalojn — kaj rido, fulma, olimpa rido kuras kaj ruliĝas kune kun ili.

Antaŭe senpeze rapidas diino. Ŝi estas plej alta kaj plej bela el ĉiuj. Sagujo post la ŝultroj, en la manoj pafarko, sur la levitaj bukloj argentokolora falĉilo de l'luno. Diano, estas vi ?

Sed subite la diino haltis... kaj tuj, post ŝi, haltis la nimfoj. La sonora rido mortis. Mi vidis, ke la vizaĝo de l'subite mutiĝinta diino kovriĝas je morta paleco ; mi vidis, kiel ŝtoniĝas la piedoj, kiel neesprimebla teruro malfermas la buŝon, dislarĝiĝas la okulojn, direktitajn malproksimen. Kion ŝi ekvidis ? Kien rigardis ŝi ?

Guste je la rando de l'ĉielo, post malalta strio de kampoj brulis en fajra punkto ora kruco sur la blanka sonorilo de kristana preĝejo... Tiun krucon ekvidis la diino.

Mi aŭdis post mi neregulan longan sopiron, similan je tremetado de krakinta kordo kaj kiam mi turniĝis denove, jam de la nimfoj ne restis eĉ postsigno. La larĝa arbaro verdis, kiel plifrue, kaj nur ialoke tra densa reto de l'branĉoj, vidiĝadis, degeladis, floketoj de io blanka. Ĉu tio estas la tunikoj de l'nimfoj, ĉu la vaporo sinlevanta de la fundo de l'valoj, mi ne scias.

Sed kiom mi bedaŭris pri la malaperintaj diinoj...

(Tradukis G. KOLOVRAT).

## KOMERCO & INDUSTRIO

Ni enpresos regule sub tiu rubriko la kumunikaĵojnrilatajn al la progresoj de Esperanto en la komerco kaj la industrio.

* * *

*Franclanda Esperantista Industria kaj Komerca Societo.*

Franclanda Esperantista Industria kaj Komerca Societo.

Oni informas nin pri kreo de societo sub tiu nomo, fondita de la komercistoj kaj industriistoj kiuj respondis al la alvoko de « Esperantista Centra Oficejo » en Parizo kaj kiuj post kelkaj ŝanceliĝoj kaj disputadoj pri la plej taŭga grupiĝa modo, interkonsentis fine kaj preskaŭ unuvoĉe la sendependan nacian grupiĝon.

La ĉefa celo de nia societo estas helpadi la disvolviĝadon de la komerco kaj industrio per Esperanto ; ĝi publikiĝas kaj haviĝas al siaj membroj ĉiujn komercajn dokumentojn interesajn por la Esperantistaro, kaj ĝi montros por iliaj produktaĵoj la novajn vendejojn, kreitajn de la disvastiĝado de Esperantoj.

Ekzistas jam en la aliaj landoj aŭ provas sin fondi similajn societojn, kiuj nepre interrilatos baldaŭ, do ni favoros la interkomunikojn kun tiuj analogiaj grupoj, kaj klopodos por plifaciligi laŭeble la komercajn rilatojn inter franclando kaj aliaj nacioj.

En nia societo estas akceptataj ĉiuj industriistoj, komercistoj, firmoj, komercaj ĉambroj, geoficistoj, francaj kaj alilandaj esperantistaj kaj neesperantistaj.

Por pli plena informo, peti la plenan regularon de la sekretario : S-ro A. Lefèvre, 23, rue Stéphenson, Paris XVIII.

* * *

La Sekcio industria kaj komerca de la esperantista grupo pariza, sendas al ĉiu kiu ĝin petas surskribetojn gumitajn kun tiu skribaĵo en lingvo franca.

Sekcio komerca kaj industria de la Esperantista grupo pariza tradukas senpage leterojn.

Paris. — 21, rue de l'Arbre-Sec.

Se oni volas skribi esperante al iu neesperantista en Parizo, oni nur bezonas glui surskribetojn en angulo de letero. La ricevonto tuj scias al kiu sin turni por ĝin tradukigi.



## Gazetoj Esperantistaj

Oni povas aboni ĉiujn gazetojn Esperantistajn ĉe l'Administrado de « Esperanto ». Aldoni po 0.10 por korespondaj elspezoj. Nenia garantio de regula apero.

**Lingvo Internacia,** duonmonata revuo por Esperanto, eliranta la 1-an kaj la 15-an de ĉiu monato.

Jara abono : sen literatura aldono 5 frankoj, kiun sumon oni sendu laŭeble per poŝta mandato. (Por papermonoj ni kalkulas : 5 frankoj = 2 rubloj = 4 germ. markoj = 4 ŝilingoj = 1 dolaro = 2,50 hol. floreno = 4 skand. kronoj = 5 aŭstrohungaraj kronoj.) — Kun literatura aldono 7 fr 50.

Prezo de ĉiu numero : 40 centimoj ; numero de la Kongreso : 60 centimoj.

**Tra la Mondo,** tutmonda multilustrata revuo monata, tute en Esperanto. — Nuntempaĵoj, Pri Esperanto, Arto kaj Literaturo, Sciencoj, Komerco kaj Industrio, Militistaro, Maristaro, Teatro, Sportoj, Virina kaj Gejunula paĝo, Felietono, Konkursoj kun valoraj monaj premioj. — Ĉiuj artikoloj estas verkitaj de anoj de l'landoj aludataj. — Jare 8 frankoj ; kvaronjare, 2 fr. 25. — Redakcio : S-ro Montrosier, *8bis*, rue de l'Ecu d'Or, Orléans ; Administracio . 15, Boulevard des deux Gares, Meudon (S.-et-O.) France

**Espero Katolika,** 32-paĝa revuo monata tute en Esperanto, malfermata por ĉiuj. Rakontoj, artikoloj pri nuntempaj aferoj, ŝakoj, k. c. Jare : 5 fr. (en Franclando 4 fr.) Presejo A. Barbot, 15, rue Etienne Pallu, Tours (France).

**Espero Pacifista,** monata organo de l'*Internacia Societo Esperantista por la Paco* (krom avizo kontraŭa, la abonintoj estas enskribitaj kiel aliĝantoj al la Societo). — Jara abono (aŭ minimuma kotiza) · 5 frankoj. La Societo akceptas ankaŭ opajn aliĝojn. Sin turni al S-ro Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France).

**Internacia Revuo Medicina,** monata organo por praktika medicino, redaktata en Esperanto kaj diversaj lingvoj naciaj, de diverslandaj kuracistoj. Celas ne nur la Esperantan, sed ankaŭ la kuracistan utilon. Jara abono : 7 fr. (en Franclando 6 frankoj) Paris, 33, rue Lacépède.

**Esperanta Ligilo,** ĉiumonata revuo, Th. Cart. ĉefredaktoro, 12, rue Soufflot, Paris V. — Abonkosto : 3 fr. jare.

**Juna Esperantisto,** illustrata gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj. Eliras monate Literaturaĵoj, teatraĵoj, karikaturoj. Jara abono : 2 fr. 50. *Presa Esperantista Societo*, 33, rue Lacépède, Paris.

**L'Esperantiste,** oficiala revuo de la Societo franca por la propagando de Esperanto, 24 paĝoj (formato 15 × 20) da teksto franco-Esperanta aŭ nur Esperanta, 8 paĝoj kovrilaj (nomaroj de Esperantaj verkoj kaj de ĉiuj grupoj de la S. f. p. E.), *Internacia Korespondato Esperanta* senpage disponebla por la abonantoj — 3 fr. 50. *Jarabono* (1-a de januaro, aprilo, julio, oktobro en Francujo 3 fr., ekster Frankujo : 3 fr. 50 ; kun enskribo en la Francan Societon : 4 fr. ĉie.—

**La Belga Sonorilo,** organo de la Belga Ligo Esperantista. Eliras 12 fojojn jare. Redaktata France, flandre kaj esperante. Jara abono : 4 frankoj. — Redaktoro-administranto, al kiu oni ĉion sendu : J. Coox, Duffel, Belgique.

**Sviza Espero,** oficiala organo de la Svisa Esperantista Societo (S. E. S.), Jara abono (kun membriĝo de la S. E. S) en Svislando 2 fr. en aliaj landoj 2.50. Sin turni al S-ro D-ro Th. Renard, 6, Vieux-Collège, kaj por Franclando Arlod (Ain). — IV-a jaro.

**Germana Esperantisto,** organo de diversaj germanaj grupoj esperantistaj. Eliras 12 fojojn jare. Redaktata germane kaj esperante. Jara abono 4 frankoj. Administracio kaj Redakcio · Esperanto Verlag, Möller & Borel, Berlin, S., 95, Prinzenstrasse.

**The British Esperantist,** oficiala monata organo de la Brita Esperantista Asocio ; 12 paĝoj da novaĵoj k. c. anglo-Esperante, kaj 8 paĝoj da Aldono tute en Esperanto. Jare 4 fr. (sen Aldono, 2 fr.) — Oni abonas ĉe la Sekretario de la B. E. A. 13 Arundel Street, Stand, London.

**Ruslanda Esperantisto,** ĉiumonata organo de la Societo « Espero » en Esperanto kaj parte en rusa lingvo. — La detalaj prospektoj estas estas riceveblaj senpage. — Adreso : Ruslando, St.-Peterburgo, B. Podjaĉeskaja, 24, la Societo « Espero ». — La jara abonpago (kune kun membriĝo en la Societon) 3 rubloj (7 fr. 50).

Aliaj gazetoj ekzistas en lingvoj bohema, bulgara, hispana, hungara, sveda, ktp. Informojn laŭ peto al « Esperanto ».

## « LA REVUO »

Internacia monata literatura gazeto
kun la konstanta kunlaborado de D-ro LL. Zamenhof.

Tiu nova speciala Revuo, tute redaktata en Esperanto, estas pure literatura ; ĝi enhavas : novelojn, romanojn, poeziojn, komediojn, dramojn, seriozajn studojn pri historio, geografio, statistiko, popolmoroj, k.c., kronikon tre mallongan pri la ĉefaj mondaj okazintaĵoj, bibliografion.

Ĉio politika, religia, aŭ kio povas naski disputojn, estos malakceptata de la Redakcio.

D-ro L. L. Zamenhof sola povos verki artikolojn pri la lingvo.

La 1-a numero aperos la 1-an de septembro 1906. okaze de la II-a Universala Kongreso de Esperanto. Ĉiu numero 0 fr. 50 — jara abono 6 fr. en Franclando ; 7 fr. en aliaj landoj. Ĉiu numero enhavas almenaŭ 48 paĝojn. Librejo Hachette kaj k-o, 79, Boulevard Saint-Germain, Paris.

